XXXIV-a Jaro — N-ro 461 (7) — 15 Aprilo 1938

# ESPERANTO

Internacia Gazeto duonmonata de Universala Esperanto - Asocio

# La internacia lingvo en Turisma uzado

## Enkonduko

La turismo, tiu ĉi infano de l' tempo moderna, trovis jam frue atenton ĉe la aktivaj esperantistoj. Instinkte oni vidis *eblecon* de nurpraktika afera agado. Jam frue aperis gvidlibroj pri urboj kaj regionoj, komence eldonitaj de esperantistoj mem, pruvo pri patrioteca sento. Esperantisto ja estas apostolo por Esperanto kaj ambasadoro por sia lando, sen diplomata rango !




Kovrilpaĝo de gvidlibro antaŭ milita, pri Bosnio-Hercegovino

Estas fakto neforigebla, ke meza Esperantisto estas ĝenerale pli bone informita pri fremdaj landoj, popoloj, kutimoj ol ordinara civitano. Kaj al tio kunhelpas la moderna reklamo turisma, grava faktoro en la aplikado de nia lingvo.

Ĝis 1914 aperis do, jam bela aro da turismaj gvidlibroj, inter ili kelkaj efektive luksaj kaj atentindaj en ĉiu direkto. La semo plantita tiam ekĝermis kaj la plantajo kreskis ĝojige post la jaroj 1914-1919.

## Turismo kaj UEA

UEA tuj post ĝia fondo kreis turisman fakon. Ĝi celis subteni ĉiun klopodon por progresigi la turismon. Ĝi atingis tion per eldono sistema de tielnomataj gvidfolioj, simplaj presaĵoj normigitaj kun precizaj kaj koncizaj informoj pri la koncerna loko. Ĝis 1914 eldoniĝis gvidfolioj de UEA pri ĉirkaŭ cent (100) lokoj.

La nova agado post 1920 postulis novajn vojojn. Iom post iom UEA restarigis tiun-ĉi fakon el kio kristaliĝis la konata Turisma Servo. La antaŭa maniero eldonigi gvidfoliojn estas plibonigita, konforme al la nova situacio. Sed krom tiu ĉi agado jam tradicia, la Turisma Servo subtenis kaj helpis por akceli la sendependan uzadon de Esperanto en turismo, flanke de turismaj organizaĵoj. La riĉaj teknikaj rimedoj kiujn disponas la Centra Oficejo en Ĝenevo ja puŝis je tia servado.

Estas ne malmodeste akcenti ke dank al tiu ĉi metoda kaj sistema agado de UEA, la turisma reklamo per Esperanto estis forte puŝata. Je centmiloj kalkuliĝas la gvidfolioj kaj gvidlibroj disdonitaj de la Turisma Servo.

La laboro en tiu ĉi sfero devis esti malcentrigita ; dum kelkaj jaroj ekzistis Franca kaj Germana sekcio, agantaj laŭplane en la du landoj.

Necesas rememorigi tion por pli bona kompreno de la nuna situacio.

## Registara intereso

La turisma reklamo en la plimulto de landoj estis farata sendepende, individue kaj hazarde. El tio rezultis ofte paralelaj klopodoj, duoblaj elspezoj. Kreiĝis en la ĉefaj turismaj landoj specialaj institucioj, kun la tasko kunordigi kaj koncentrigi tiun ĉi agadon. Ĉitiuj institucioj oficialaj (ministeriaj) kaj duonoficialaj ordigis la senbridan eliron de presaĵoj, starigis tipojn de presaĵoj, unuvorte *normigis* por uzi tiun ĉi modernan esprimon. Kiu atente komparas eldonaĵojn de antaŭ 15 jaroj kun nunaj konstatas la feliĉan ŝanĝon en formo kaj enhavo de la turismaj reklamiloj.

Ĉi-tiuj oficialaj propagandejoj ne flankelasis Esperanton inter la lingvoj uzataj. Citindaj estas la eldonaĵoj de l' Aŭstria Ministerio Fervoja kaj Trafika de l' Ĉeĥoslovaka Ministerio Komerca kaj Trafika, de l' Japana Ministerio Fervoja, ja eĉ de la Manĉuria Fervoja Ministerio.




Eldonaĵo postmilita de la Fervoja Ministerio Japana

Apartan lokon okupas Italio, celo de milionoj da turistoj ĉiujare. La turismo, grava fonto de enspezoj, trovas tie tutan atenton kaj zorgadon. La turismaj eldonaĵoj de l' Itala Ŝtata Fervojaro estas la plej belaj kaj konservindaj pro ilia arta aranĝo.

Pro nura memoro al iama Aŭstrio ni menciu, ke eble la unua Ministerio eldoninte luksajn gvidlibrojn en Esperanto, estis la I. R. Ministerio por Fervoj-Aferoj. Estis du libroj « *La novaj fervojoj tra la Aŭstriaj Alpoj* », 74 paĝa, kaj « *Pejzaĝoj en Aŭstrio* » 118 paĝa, ambaŭ riĉe ilustritaj (1913).

Ĝeneralan ŝaton trovis belega gvidlibro pri « Japanlando », inda kolego de similaj eldonaĵoj.

## Propagando kaj informado

Turisma reklamo celas varbi. Ĝi do estas superlativa, subjektiva supraĵa. Ne ĉiam sed plej ofte. Kaj la publiko tion komprenas tre bone.

Por *informi* la turiston objektive afere kaj senlaŭde ekzistas alia speco de gvidlibro, kies idea patro estis Karl Baedeker (1801-1859) kies *Vojaĝ-Manlibroj* ruĝaj fariĝis tipaj. Similaj Manlibroj por la turistoj aperis en aliaj landoj, ekzemple en Francujo la « bluaj » kaj en Italio la « verdaj » gvidlibroj.

Ĉi-tiuj vojaĝ-manlibroj informas kaj ne reklamas. La reklamilo estas senpaga, la informilo ne.

Interesa provo uzi nian lingvon ankaŭ en tiu ĉi kampo, estis farita de la Esperanta-Centro Itala en Milano. Laŭ ĝia iniciato aperis unue gvidlibro pri « Milano kaj Lombardaj Lagoj » kaj poste « Romo kaj ĉirkaŭaĵoj ». La verda gvidlibro estas eldonaĵo de la Itala Touring-Club, la plej potenca organizaĵo turisma en Italio.

La du gvidlibroj, trovis meritita aprobon inter la esp. publiko. La teksto plej zorge tradukita, estas neriproĉinda. Nenia prescraro enestas, unikaĵo citinda !




Verdaj gvidlibroj, eldonitaj de l' Touring Club Italiano

## Nova situacio

La ŝanĝitaj cirkonstancoj en la mondo, devigas nin, pli forte ol iam akceli la uzadon de Esperanto en la turisma reklamo. La foresto de tre gravaj landoj devigas nin serĉi anstataŭon. Nia klopodado devas trovi novajn eblecojn, tiel ke la truo farita estu fermota.

La nuna konfuzo en la organizo esperantista ja ne favoras fruktodonan agadon. Tamen per ioma bonvolo kaj celkonscio, io estas atingebla.

La Turisma Servo de UEA alvokas ĉiujn kiuj estas pretaj kunlabori. En proksima tempo, la Centra Oficejo de UEA dissendos al la delegitoj de UEA, informilon pri eldono de gvidfolioj, kaj la maniero laŭ kiu oni devas procedi. Jam nun utilaj sciigoj estas bonvenataj kaj atendataj.

Turisma Servo de UEA.




Kovrilpaĝo de arta kajero grandformata pri Italio teksto en Esperanto




Lasttempa eldonaĵo turisma grandformata, luksa kun reproduktaĵoj de famaj pentraĵoj

Universala Esperanto - Asocio
Centra Oficejo : Palais Wilson, Genève, Svislando

# Socio kaj Lingvo

## La Retoromanĉoj

De Peider Lansel

Ioma tempo antaŭ la eksplodo de la mondmilito dum en la retoromanĉaj valoj oni fervore laboris al la renaskiĝo de la lingvo, kelkaj italaj jurnaloj, el motivoj sen bazo scienca, jetis, kvazaŭ mangrenadoj la aserton en la mondon, ke la Retoromanĉa estas itala dialekto. Svislando, feliĉe ne konante ian ajn lingvan premon, ne povas toleri tian de ekstere. Kaj oni konsideris kiel premon de la unua momento la instigon, anstataŭi la Retoromanĉon « *jam mortantan* » per la itala, instigo al kiu servu kiel vojfaranto la *pretendita italeco* de la Romanĉa.

Se la grizonanoj kaj Svislando entute, reagis tuj kaj energie kontraŭ tiu ĉi asertita « *italeco* » de la Retoromanĉa, tio ne okazis pro la afero en si mem, kiu science ne estis defendebla, sed pro la ekspluato de tiu ĉi aserto pere de *senrespondeca propagando*, kiu minacas endanĝerigi la tradiciajn najbarajn rilatojn inter Italio kaj Svislando.

Sur tero retoromanĉa *ne ekzistas italeco kaj neniam ekzistis*. Oni ekzamenu nur la tute malsamajn etnajn bazojn kaj la malsaman historian kaj kulturan evoluon. Sufiĉas kompari la Engadinan kampardomon kun tiu de la rektaj najbaroj en la italaj limregionoj. Kiel firmaj kontraŭuloj je ĉia italecigo kaj germanecigo, la Romanĉoj deklaris per decidemo ne lasanta dubon :

« *Nek Italoj nek Germanoj.*
*Ni volas resti Romanĉoj* ».

Neniu pensas, nei la *latinecon* de la Retoromanĉa, ĝi portas ja la stampon en la propra nomo. Kaj se la Romanĉoj diras *alb* (it. bianco, lat. albus) *mellen* (it. giallo, lat. melinus) *cotschen* (it. rosso, lat. coccineus) *festina* (it. sbrigati, lat. festina) k.t.p., tiam tio montras, kiel tio cetere okazas ofte en novlatinaj lingvoj, pli proksiman parencecon kun la latina, ol la itala lingvo mem. Similaj faktoj devis heligi la menson de Ascoli kiam li skribis : « En kelkiu suda ladina variajo de la grizonanoj troviĝas tiom da latina vivo, ke ĝi incitas je miro kaj admiro ». (Saggi paĝo 2). Oni devas nur interkompreniĝi. Por la Retoromanĉoj, « latineco » hodiaŭ signifas nek pli nek malpli, kion ĝi signifas por ĉiuj ceteraj novlatinaj lingvoj. Tio do diras : sole lingva parenceco kiu reiras je la unuaj komencoj de la lingvo, reiro de pli ol mil jaroj, sed kiu ne kondiĉigas naciecan interligon aŭ unuecon.

Akceptante la « latinecon » de l' Retoromanĉa, tio ne rezultigas « italecon » afero tute malsama. La ekvacio « Latineco-Italeco » havas nelimigitan sencon en la interno de la Itala Reĝlando. Sed ekster ties landlimoj mankas la bazo por tia aserto. Ja ne necesas multe por kompreni, ke por ĉiuj ceteraj novlatinaj nacioj — fratinoj, jes, sed edziniĝintaj ekster la gepatra domo — ĉia pretendo je ilia « italeco » devas aperi kiel absolute neakceptebla.

La neŝanceligebla volo konservi sian respektindan patrinlingvon, ŝarĝas la Retoromanĉojn per la devo ĝin defendi kontraŭ ĉia insido, videbla kaj kaŝa, kaj purigante ĝin de ĉiuj kreskaĵoj sovaĝaj, ĝin flegi atente, por ĝin alkonformigi al la tempo kaj al la modernaj postuloj.

Metode oni laboras je tiu ĉi celo sur retoromanĉa tero. Por prepari la vojon stariĝis la *Societad Retorumanscha* (1888) la *Romania* (1896). La populara *Uniun dal Grischs* (1904) k.t.p. Ĉi tiuj unuopaj iniciativoj devis trovi tiam fortan apogon en la *Lia Rumanscha*, starigitan en 1919 por kunigi ĉiujn fortojn en unu bloko kun direktivoj bone difinitaj. Ĉio tio multe kontribuis, akrigi la lingvan konscion de la Retoromanĉoj kaj ili eklaboris kun la specife retia persistemo.

Unu el la unuaj farој estis la intensigo de la instruado en la gepatra lingvo en kaj ekster la lernejo. Post plimultigo kaj plibonigo konstanta de la lerniloj (gramatikoj legolibroj, vortaroj k.t.p.) la klopodoj direktiĝas por kompletigi la lernej-regularojn, de la elementaj ĝis la superaj ŝtupoj kaj kiel tio necesas ŝanĝi ĝin, antaŭ ĉio ankaŭ en la formado de la estontaj instruistoj. Konsiderante la tre esprimitan komunuman sendependecon de la grizonanoj, elemento nete konservativa, la progresoj nur povas esti malrapidaj (« more raeto ») tamen ili estas nekontesteblaj kaj konstantaj, speciale depost kiam la Lia Rumanscha energie tenas la bridon en manon. Estas tenataj kursoj por retoromanĉa lingvo kaj kulturo — laŭ la ekzemplo de la Popola Universitato, — unuavice destinataj por la instruistaro, kun granda sukceso, en la Rejnvaloj kaj en Engadino.

Por kroni la penadojn sur tiu ĉi tereno de l'instruado, estis kreita en la jaro 1932 al la universitato de Ĝenevo, katedro por la retoromanĉa lingvo kaj estis vokita por ĝin gvidi unu el la plej fervoraj kunlaborantoj al la retia renaskiĝo, D-ro Antonio Velleman. Fine oni devas atentigi pri la iniciato elirinta de la popola kunveno de Razèn (Rhäzüns) Septembro 1934 kaj kiu ricevis konfirmon per la unuvoĉa decido de la grizona Granda Konsilantaro en memorinda kunsido de la 29a de Novembro 1934. Laŭ ĝi estis farita al la Svisa Konfederacio la postulo, ke la Retoromanĉa devas esti rekonita kiel kvara nacia lingvo. Vidalvide de la varma simpatio de la tuta Svislando por la retoromanĉa Benjameno ne ekzistas dubo je la fina rezultato favora de tiu ĉi movado.

Kio rilatas la laborojn kurantajn, estis jam montrita je la granda dokumenta signifo de la atlaso Jud-Jaberg. Finita estas la prepara detallaboro je la *Dicziunari rumansch grischun*, formanta leksikonon de ĉiuj romanĉaj dialektoj de l' Grizono. Redaktoro estas Profesoro Pult, sed kunlaboris la tuta popolo. Por juĝi laŭ la ilustrita specimen-kajero, la verko estas digna, stari apud la monumenta vortora de la svisgermanaj dialektoj, la Schweizer. Idiotikon kaj tiu de la jam citita « *Glossaire des Patois romands* ». Ĝi ne nur estas ne-elĉerpebla fonto lingvistika, sed ankaŭ kompleta enciklopedio de retoromanĉa vivo kaj de retoromanĉa kulturo.

Sendepende de la *Dicziunari*, sed ĝin kompletigante plej feliĉe pro la traktado de la lok- kaj person nomoj, ni posedas la meritplenan *Toponomastica retica*, kiun ni dankas al D-ro Roberto de Planta kaj D-ro Schorta. Apud la kompleta kolekto de la loknomoj ĝi donos ankaŭ la kunigon de ĉiuj familiaj kaj baptonomoj. Neniu alia lando eŭropa, escepte Skandinavio posedas ion similan kiel tiun ĉi verkon, kiu estas de grava lingva kaj historia valoro.

Dume oni povas uzi la riĉan materialon por la geografia karto de Grizono, kiu aperos sub la aŭspicio de la Lia Rumanscha kaj kiu entenas kiel unua la romanĉajn loknomojn de la tuta kantono. La laboroj por la du modernaj vortaroj por taga uzado el kiu la Rejna estas konfidata al D-ro Raymond Vieli, la Engadina al D-roj Bezzola kaj Tönjachen, jam multe progresis. D-ro Caduff okupiĝas kun la riĉa trezoro folklora kaj D-ro Gadola kun kompleta Bibliografio. Eĉ se ni ne konsideras aliajn entreprenojn malpli imponajn, sub la zorgo de la Lia Rumanscha,, sufiĉas rigardo sur la nun cititaj verkoj, kiuj alte leviĝas super la meza nivelo, por havi ideon pri la pozitiva laboro, plenumita de la Retoromanĉoj mem. Oni povas longe serĉi tra la mondo, ĝis kiam oni trovas lingvo grupon de tia eta amplekso, kiu donas al la flegado de la propra patrina lingvo tiom intensan agadon.

Al tiu ĉi agado oficiala aldoniĝas seninterrompa publikigado de libroj, gazetoj, jarlibroj almanakoj k. t. p., kiuj malmulte aŭ tute ne senkuraĝigite pro la krizo, daŭrigas elfosi la kulturan riĉecon reto-romanĉan en la landoj de la tri ligoj kaj ekster ili. Oni tiel atingas produktadon, kiu ĉe popolo de iom pli ol 40000 animoj kreas fantazian impreson.

Ĉio tio — bone komprenita — estu citata sen ia vanteco — ĉar al etulo decas la modesteco — sed nur por montri kia superbordanta vivoforto posedas tiu ĉi romana trunko por sia propra lingvo kiun oni volis prezenti kiel « mortantan ».

Senutile aldoni, ke la Retoromanĉoj scias tre bone, kion ili volas, kaj ke ili ne emas, perdiĝi en malicaj polemikoj. Armitaj laŭ ĉiuj necesoj, por spiti la nunan situacion, ili estas entute kapablaj efektivigi ilian programon. Programo kiu kuniĝas en kvar vortoj: *Tanter rumanschs be rumansch* (Inter Romanĉoj nur romanĉe) Al fremdulo tiu ĉi programo certe aperas modeste. Sed por konservi la Retoromanĉan — kaj tie ĉi troviĝas la grava punkto je kiu celas ĉio — ne ekzistas, oni devas tion konsenti, nenio pli praktika kaj nenio pli facila.

Oni devas kompreni, ke tia programo ne enhavas malamikan senton nek kontraŭ la Germana nek kontraŭ la Itala. En Grizono, ĉi tiuj du lingvoj estas same kiel la Retoromanĉa, oficialaj lingvoj. Cetere, lingva batalo estas ja ne pensebla en Svislando, ĉar la civitanoj, egale ĉu ili parolas germane, itale aŭ romanĉe estas svisoj kaj sin sentas kiel tiaj. Ia ajn fremda enmikso en la lingva ordo de alia lando, granda eraro de psikologia vidpunkto, ja estus kontraŭ Svislando absurda faro. La Svisa Konfederacio garantias al la propraj lingvaj malplimultoj tiajn modele normalajn kondiĉojn, ke ili povas esti uzataj ĉie kiel ekzemplo ! Kia alia lando en Eŭropo povas tion aserti pri si mem ?

Je la fino de ĉi tiu resumita elmontro ni esperu, postkiam ni klarigis la veran situacion de la Retoromanĉoj ke ni sukcesis komprenigi al ĉiu, kiu ili estas kaj kion ili volas. Tiu ĉi nepre necesa klarigo helpu disigi faritajn opiniojn kaj riproĉojn. donintaj kaŭzon al polemikoj kiuj daŭris tro longe. Ĝi permesas al ĉiu, formi al si ideon pri la agado entreprenita de la Retoromanĉoj kun praktikaj rimedoj kaj ideala celo, por la konservado kaj flegado de la la lingvo de ilia koro. Vidalvide de tiu ĉi movado, kiu estas vera lingva renaskiĝo oni devas rekoni lojale, ke anstataŭ rapidiĝi ekkanti la « *De Profundis* » oni havus pli da kaŭzo kanti la « *Resurrexit* ».

Oni prezentiĝu al si, ke lando, ju pli malgranda ĝi estas, despli ĵaluza ĝi devas gardatenti sian sendependecon, ankaŭ la lingvan. Tio klarigas la tiom obstinan fidelecon de la Retoromanĉoj por la lingvo, kiu stariĝis samtempe kun ilia miljara libereco kaj kiu signifas nek pli nek malpli ol ilia ekzistorajto. Forlaso ĝia, egalus je mem-mortigo. Oni tiam komprenas, pro kio la Retoromanĉoj defendas sian nekontesteblan rajton esti mastroj en la propra lando kaj pro tio unu fojon por ĉiam firme tenas je la neŝanĝebla deklaro :

*Ni Italians ni Tudaischs !*
*Rumanschs vulains restar.*
(*Nek Italoj, nek Germanoj,*
*Romanĉoj ni volas resti*).

— Fino —

## Esperantista libertempejo 1938
## Brunnen, Svislando
## 31-a de Julio-ĝis 6-a de Aŭgusto



La Tell-Kapelo

### Dato kaj daŭro :

Komenco dimanĉon 31 Julio, fino sabaton 6 Aŭgusto 1938, unu semajno.

### Ekskursoj

Estas antaŭvidataj unu tuttaga ekskurso sur Rigi kaj du duontagaj ekskursoj sur la Urnersee [Lago de Uri] kaj alia al Luzern.

### Kosto

Restado unu semajnа en bona hotelo aŭ hotelpensiono, en la vilaĝo Brunnen. Bona ĉambro kun tri manĝoj, — mateno, tago, vespero, — (sen vino), taksoj, trinkmono, transporto de pakaĵoj, libera eniro en Strandbano, koncertoj; kaj la tri ekskursoj supre cititaj *Frk. sv.* 85.—

Tiu-ĉi prezo estas la baza sumo. Personoj dezirantaj loĝi en pli komforta hotelo, ĉe la lago povas mendi tion. La prezdiferenco estas inter 10-20 Frankoj, do 95.— Frk. kaj 115.— Frk.

Estas antaŭvidataj oficialaj akceptoj, vesperaj kunvenoj kun distraĵoj, esp. prelegoj.

# La internacia lingvo en Turisma uzado




**Reproduktaĵo**
**kiu reprezentas turismajn eldonaĵojn**
**de pli ol cent lokoj aŭ landoj,**
**aperintaj inter 1930-1937**

# Brunnen

## ĉe la Lago de Kvar Kantonoj

### Iom da historio

Gravan rolon ludis Brunnen en la frua historio svisa. Kvin semajnojn post la batalo ĉe Morgarten, la 19 Decembro 1315 estis decidita tie-ĉi la fama *Ligo-deklaro* (Bundesbrief, Pacte) per la anoj de la tri landoj *Uri Schwyz* kaj *Unterwalden*, kiu estas la bazo de l' Svisa konfederacio. Laŭ buŝa tradicio la ligo estis fondita ok jarojn antaŭe sur la *Rütli* per juro kaj mandono.

La arĥivejo en Schwyz konservas la dokumenton. Ekzistas ankoraŭ alia, pli malnova deklaro latinlingva, de l' Unua de Aŭgusto 1291, laŭ kiu estis eldirita la interligo de la tri landoj. Tiu ĉi plej malnova skriba dokumento de la svisa historio ne indikas la nomon de l' loko kie okazis la interligo. Sendube ĝi estis en Brunnen kiu pro sia geografia situo estis kvazaŭ kreita por tiaj kunvenoj de la tri originaj landoj.

Popola legendo antikva, uzita ankaŭ de Schiller en Wilhelm Tell, rakontas, ke en pratempoj enmigris nordanoj en Helvetion kaj decidis resti. Inter la du gvidantoj *Suit* kaj *Scheyo* (Ŝejo) ekestis disputo. laŭ kiu nomi la novan hejmlandon. Lukto decidis favore de Suit, laŭ kiu la nomo de lando, igita kulturebla, estis nomita Suites, el kio fariĝis Schwyz kaj Schweiz. (La alilingvaj formoj, ne sekvantaj la leĝon de evoluo konservis la radikon Suis, Suit' aŭ Svis'. La simileco kun radiko *sved*, ne estas kontestebla. Certaj loknomoj, kostumoj kaj kutimoj indikas skandinavan devenon).



La Rütli

Apud Brunnen, terpeco nomiĝas ankoraŭ nun « *Suiters Acker* » (Agro de Svito). kaj proksime de Schwyz troviĝas kampara bieno kun la nomo *Schey* aŭ *Tchey*-Brunnen.

Dum jarcentoj, Brunnen estis impona deponloko por komercaĵoj irantaj trans la Gothardo al Italio, aŭ de l'Italio al la germanaj landoj. Tiutempe ankoraŭ ne estis vojo laŭ longe de la roka lagbordo, la Axenstrato estis konstruita inter 1863-1865 kaj malfermita 1866. Vojaĝantoj kaj varoj devis iri de *Lucerno* aŭ de *Brunnen* al *Fluelen*, kie komencis malnova Gothard-vojo. Ekzistis en Brunnen var-deponejo, tielnomata *Sust* konstruaĵo forigita en jaro 1893 ĉar ĝi fariĝis trafika malhelpo por la ŝip-ponto. Ĉi-tiun domon oni rekonstruis ĉe la Frohnalpstrasse sammaniere kaj samgrande.

*

Je la lumo, nin salutante
Antaŭ popoloj kiuj sub ni en pro-
[fundo
Premspiras fumaeron urban
Ni diru ĵuron de la nova ligo :

*Ni volas esti unu nur fratar'*
*[popola*
*Ne malunuiĝi dum mizero kaj*
*[danĝer',*
*Liberaj kiel niaj patroj estis*
*Preferi morton ol vivi en servut',*
*Ni fidu al la Granda Dio*
*Kaj ne timigu nin potenco homa.*

Schiller : Wilhelm Tell
(La Rütli-ĵuro).

### La nordvojaĝanto Ivan H. Krestanov

**Atentigo**

Post traveturo de Islando la bulgara samideano Krestanov enŝipiĝos meze de Junio 1938 Al *Antverpeno*.

Eventuale li vizitos ankoraŭ Belgujon, Nederlandon, Luksemburgon, Nordan Francujon, Portugalon, Gibraltaron. Malton, Greklandon kaj Konstantinoplon (Istanbulon). Esperantistaj grupoj povas profiti la okazon, por aranĝi paroladojn pri « Bulgarujo, la lando de la rozoj, de centjaruloj » kaj de fajrodancistinoj » aŭ « La Nordlandoj ». (Kun lumbildoj).



Adreso ĝis 15. VI. 1938 : Poste Restante, Rejkjavik, Islando.

# Universala Esperanto-Asocio

## Oficiala informilo 1938-3

**ESPERANTO.**

Pro okulmalsano, Sinjoro Georges Stroele, recenzisto de aperintaj libroj devis formeti tiun ĉi laboron.

De 1919 ĝis 1937 Sinjoro Stroele, per objektiveco kaj kompetenteco nekontesteblaj priparolis la esp. literaturon. Liaj tekstoj. mane skribitaj estis ĉiam akceptitaj kun vera plezuro kaj legitaj kun ĝuo de la redaktoroj de nia gazeto.

Lian manieron recenzi, plej bone karakterizis D-ro Kalocsay en la « Rimportretoj ».

*Stroele*, el recenzista gildo
Karesas ame ĉiun belon
Kvankan atentas la nivelon
Recenzas li kun kora mildo.

Jen certe lia blazonŝildo
Plumo trempita en mielon
*Stroele*, el recenzista gildo
Karesas ame ĉiun belon.

« Poeto estas orfa birdo,
Soifas varmon kaj sunhelon »
Li pensas « for do la kruelon ».
Ĉu mi eraris pri la bildo :

*Stroele*, el recenzista gildo !

Ni esprimas tie-ĉi nian elkoran dankon por la sindona kunhelpo kaj ni ligas nian dankon kun la sincera deziro je kompleta resaniĝo baldaŭa.

La recenzon de la libroj plenumas de nun

*S-ro Jakob Schmid. L. K. Bern.*

konforme al la statuto Art. 51.

**Subtenantoj 1938.**

La sekvantaj personoj bonvolis helpi nian agadon, aliĝante kiel Membro-Subtenantoj :

Listo 2 :

21. S-ro Douglas Gilbert, Tasmanio.
22. F-ino Françoise Mourguiart, Francujo.
23. S-ro Kristis Bruklis, Latvio.
24. S-ro Paul Bouvier, Svislando.
25. S-ro W'. Kunnen. Nederlando.
26. S-ro Vermaas, Nederlando.
27. Es. Grupo Tra la Mondo. Dordrecht, Nederl.
28. S-ro M. Smit, Nederlando.
29. S-ro G. Jongbloed, Nederlando.
30. S-ro P. M. Serret, Nederlando.

**Jarlibro 1938.**

Ni estas feliĉaj, povantaj anonci ĝian eliron ĝis plej malfrue 25-a de Majo, el Beograd.

Ĝi ampleksas 240 paĝojn enhavas ĉiujn informojn pri la tuta movado, kun klarigaj artikoloj. plie la kutimajn informojn pri UEA, adresaron de la Delegitoj, Interrilatan Adresaron; Plie la jarlibro enhavas kiel aldonon variajn artikolojn pri interesaĵoj de la movado kaj de l' Internacia Lingvo. Aro da bildoj akompanas la tekston.

Dece presita, plaĉa eksteraĵo distingas la nunjaran eldonon, plia paŝo al la konsolidiĝo de l' UEA.

**Delegitoj de UEA.**

La Jarlibro 1938 indikas Delegitojn en pli ol 400 lokoj, Nia celo estas atingi en 1938 altiĝon ĝis 500 lokoj.

Personoj pretaj akcepti oficon de Delegito bonvolu sin anonci ĉe la ĉefdelegito koncerna, aŭ ĉe la Centra Oficejo rekte.

Depost apero de l' Jarlibro 1938 ni rekomencas publikigi la novajn Delegitojn tie-ĉi.

**Propaganda Servo**

Ni informas, ke la represo de la bildpaĝo « *La internacia lingvo en poŝta uzado* » prokrastiĝis, sekve de nealveno de dokumentoj por kompletigi.

La mendintoj bonvolu pacienciĝi... post unu monato la represo estos sendopreta.

**Premioj 1938**

Ni informas la Delegitojn, ke la jenaj premioj elĉerpiĝis : (Por MA) IV, V, VI, VII, IX, XI, XIV, XVII.

Anstataŭ unu premio el listo I-XVII premio de Membro-abonanto. oni rajtas elekti du numerojn el listo 1-15.

**Premioj I kaj II**

Malgraŭ promeso ripetita, la presistoj de la du premioj « *Evoluo de Esperanto* » kaj « *La Esperantismo* » ne sukcesis finigi la laboron. Ni petas la elektintojn je indulgo kaj pacienco.

### Svisa Esperanto-Tago

La 2/3an de Aprilo okazis en Biel-Bienne la ĝenerala kunveno de la Svisa Esperanto Societo kiu pro la graveco de la traktotaĵoj altiris ĉi jare iom pli multe da partoprenantoj. Preskaŭ ĉiuj grupoj sendis delegitojn. En la monato antaŭa estis aranĝita skriba voĉdono inter la grupoj pri la demando, ĉu SES aliĝu al IEL kaj la temo, kiel antaŭvidite ekscitis la animojn. La sekvoj jam montriĝis komence, kiam la IEL-amikoj en unu kaso-elspezo suspektis iun neneŭtralan agon de la antaŭa Centra - Komitato favore al UEA. La klarigoj donitaj pruvis la maljustecon de la akuzo kaj estis aprobitaj de la plimulto. Pro la rezultato de la skriba voĉdono, kiu jesigis la aliĝon al IEL per tre malgranda plimulto, 4 el la 5 komitatanoj de la SES-estraro demetis sian oficon je la dispono de la kunveno, proponantaj, ke la iniciantoj de la « Nova vojo » nun mem portu la respondecon. Bedaŭrinde la du proponitoj S-roj Walder kaj D-ro Spielmann, ambaŭ rifuzis akcepton. Sekvis pliaj proponoj, kiuj nomitoj denove rifuzis akcepton de prezidanteco, klarigante ke la nuna stato de la movado, la disiĝo en 2 partioj. ne ebligas pacan kaj sukcesan kunlaboradon. Fine S-ro D-ro. Perrenoud, Neuchatel deklaris sin preta, akcepti la oficon kun la speciala celo, perigi interpaciĝon por konservi la unuecon de la Landa Societo. Ni ŝuldas al li elkoran dankon kaj estas esperinde, ke lia aŭtoritateco trovu ĉie subtenon. La preteco de S-ro D-ro. Perrenoud estis akceptita kun aklamo. En la diskutado montriĝis iuj duboj, ĉu la grupo Bern sub la nunaj cirkonstancoj kapablus organizi la Universalan Kongreson en Bern 1939 kaj S-ro Walder provis certigi tion per ekzistantaj help-promesoj flanke de la Porfremdula oficejo kaj de IEL, sed la ekzemplo de Varsovio Londono tamen prudentigis. La kunvenintaro akceptis unuanime proponon, ebligantan garantion por la kunigo de ĉiuj fortoj. kaj postulantan ke la Kongreso de Bern estu organizata de ambaŭ internaciaj Asocioj : de IEL kaj de UEA samrange kaj ke la membroj de UEA ĝuu la samajn rajtojn kiel tiuj de IEL.

Dum la tagmanĝo la eksiĝanta prezidanto S-ro Rotach donis ankoraŭ informojn pri diversaj interesoj : eldono de Svisa Antologio, okazigo de la venontjara Svisa Esperanto-Tago en Zürich, kie nun estas pretigata por tiu tempo granda Landa Ekspozicio, kaj aliaj aferoj. HOKO.

# Islando

Post sukcesplena finiĝo de la esp. kursoj gviditaj de Samideano Krestanov, estas arangata Literatura Vesperfesto en Rejkjavik.

La ĉiutaga gazeto « Morgenbladid » regule ĉiusemajne aperigas Esperanto-kolonon.

Sub preso estas : Plena Esperanto-Islanda Vortaro de S-ro Olafur Kristjansson. En preparo estas « Plena Islanda-Esperanto Vortaro » kompilita de S-ro Thorbergur Thödarson.

Fondinto : H. Hodler, † 1920
Redakcio : Genève.
Red.: Provizora Komitato de U E A
Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Haute-Savoie
Dato : 15 Aprilo 1938